# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO




**Oficiala organo de T.A.G.E.**

16-a jaro. No. 7-a. 1937-a



## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Aŭstrujo** | 8 | ŝilingoj. |
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Itala** | 10 | liroj. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 90544. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 5 U. E. A. kuponojn de 1 Sv. Frank. aŭ 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au College de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Aŭstra:** Societo de Aŭstraj Esperanto-Instruistoj. Gfrornergasse 13. Wien. VI.

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, Ljuben Karavelov. 40. SOFIO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 21 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Ain Vahuri. VIRU-KABALA.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Alexander N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). Poŝtkonto No. 191714.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Soekalilah. 14, CHERIBON.

**Pola:** Józef Migacz. Dlugosza 2. NOWY—SACZ.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

---

En **SVEDUJO** oni sin anoncu al la sekretario de la T.A.G.E. sekcio (S.I.E.F.)

S-ro **Fritiof Ahnfeldt. Inglatorp, Torskors.**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

16=a jaro (Numero 7) 1937.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. Winschoten (Nederlando).
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam. (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
Prezidanto de TAGE: Dro Bj. BECKMAN, St. Eriksgatan 110, Stockholm Svedujo.
Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw=Scheemda (Gron.) (Nederlando).
W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando).
A. VAN HAGE. Zuidwending. Veendam (Nederlando).

## Internacia Eduko.

Esploro de la internacia situacio rapide kondukas pacamanton al plej amara elreviĝo. Ĝi konkludiĝas fakte per senutileco de la universale faritaj klopodoj favore al paco. Kiu kuraĝas ankoraŭ elmontri sian fidon al eŭropa unueco, dum la nacieca mistiko de la diktatoraj reĝimoj elvokas malamon kaj perforton, kaj iom post iom disvastiĝas tra la tuta mondo, tiu riskas sin ŝajnigi naivulo kaj fronti publiklan nekredemon.

Ni evitos prijuĝi la nuntempajn politikajn ŝanĝojn kaj la ekonomikajn kaj sociajn kaŭzojn kiuj tiom profunde malkvietigas la vivon de la popoloj. Tio estas la tasko de la historiistoj.

Sed ni asertos, kiel ni tiel ofte faris en ĉi-tiu revuo, ke, kiaj ajn estu la graveco kaj malstabileco de la internacia situacio, ni ne rajtas rifuĝi en senton de malkuraĝiĝo kaj nenipovo. Ni celkonstruas pli por estonta sociordo ol por la nuna mondo, kaj tiu estonta sociordo devas esti — alie ni devus rezigni pri la homa intelekto — la triumfo de la racio kaj kunagado.

Por celkonscie agadi, la Nacia Sindikato daŭrigas tiun laboron pri internacia eduko por kiu pluraj el ni dediĉas jam de multaj jaroj sian plejeblan agemon.

La Komisiono de la Edukistoj de la Universala Kunveno por Paco voĉdonis dum la Brusela Kongreso, en la lasta septembro, nombron da deziresprimoj kiuj admonas la edukistojn uzi la lernejon en la servo de la paco. La prieduka Komisiono de la franca Komitato de la R.U.P. sin okupis enkonduki en la praktikon la kongresajn deziresprimojn kaj starigi kun la Ministerio pri Nacia Edukado, efektivan kunlaboradon. La referato transdonita al Sro Jean Zay alkondukas al la sekvaj konkludoj entute akceptitaj de la ministro:

### I. LIBROJ KAJ LERNILAROJ.

a. Rekomendo al la rektoroj kaj akademiaj inspektoroj por ke, oni persvadiĝu en ĉiuj instancoj de la Universitato, pri la graveco de la paceduko;

b. Nepra apliko de la decidoj de la departementaj komisionoj por la reviziado de la listoj de la libroj nun uzataj en la unuagradaj lernejoj;

c. Sama regulado starigota pri la premilibroj kaj bibliotekaj libroj;

d. kuraĝigo al la verkantoj kaj eldonantoj de libroj akcelantaj ideojn pri paco kaj internacia kunlaborado.

## II. DISKONIGADO DE LA CELOJ KAJ AGADO DE LA INTERNACIAJ ORGANIZAJOJ.

a. Cirkulero rekomendanta la enkondukon en la instruplanon de lecionoj adaptitaj al la diversaĝaj lernantoj.

b. Kuraĝigo al la aŭtoroj kaj eldonantoj kiuj kapablos taŭge komprenebligi la mekanismon de la internaciaj organizaĵoj.

## III. OBJEKTIVA INSTRUADO DE HISTORIO.

a. Publikigo de la konkludoj de la Komisiono de la francaj kaj germanaj historiistoj kunvenintaj en Parizo dum novembro 1935;

b. Rekomendo al ĉiugradaj instruistoj kaj profesoroj por ke la prihistoria instruado estu objektiva kaj komforma al la konkludoj de tiu komisiono.

## IV. PARADOJ KAJ MILITISTA PREPARADO.

a. Decido apartigi la lernejon disde ĉia militkaraktera manifestado;

b. Alatribuado de la korpa eduko al la Nacia Eduko kaj regulado nete disiganta la korpan edukon disde ĉia militista edukado.

## V. INTERRILATIGOJ INTER LA DIVERSNACIAJ JUNULAROJ.

a. Morala apogo de la nova Eduko al ĉiuj iniciatoj de la grandaj asocioj, cele al multobligado de la interrilatoj inter la junularoj;

alvoko de la kimrujaj infanoj;

internacia lerneja korespondado;

tendaroj kaj internaciaj libertempaj kursoj;

junulgastejoj;

b. Deviga studado de fremda lingvo en la superaj kursoj de la unuagradaj lernejoj kaj en la daŭrigaj kursoj pri profesia kaj industria Instruado;

c. Agnosko de Esperanto kiel internacia helplingvo kaj starigo de laŭvolaj Esperanto kursoj.

Ne atendante la oficialajn iniciatojn, ni serĉos en la proksimaj artikoloj, la praktikajn solvojn kiuj, en la lernejo, povas plene efektivigi porpacan instruadon kaj ni rememorigos la jam plenumitajn klopodojn.

La Nacia Sindikato, dank' al la morala aŭtoritato kiun donas al ĝi meze de la universitata internacia movado, la konstrua laboro de tiu lasta jardeko, la unueco de ĝia doktrino kaj la ĉiam kreskanta nombro de ĝiaj membroj, sin devigu daŭrigi sian edukan kaj porpacan mision. Tie staras la plej nobla el ĝiaj taskoj.

MARIE LOUISE CAVALIER
(el „Ecole Libératrice" tradukis F. Baronnet).

---

# Internacia Kongreso de la Unuagrada Instruado kaj Popola Edukado.

Dum la solena malfermo de la Internacia Kongreso de la Unuagrada Instruado kaj Popola Edukado, kíu okazis en Parizo la 23an de julio, Jean Zay, Franca ministro por la nacia Edukado, finis sian paroladan elvokante la „ĉarman ombron", kiu ŝvebis super la ĉeestantoj: „—tiun de knabeto kun liaj galoŝoj kaj lia kapuŝo, kiu antaŭeniras sur la tutmondaj vojoj, kaj kies manon vi devas preni por lin gvidi al honordignaj celaj. Se ligilo estas necesa super la landlimoj, miskomprenoj kaj baroj por kunigi la homojn, estu ĝi la ambaŭ delikataj manetoj de la infano al vi konfidita, kiuj provas kaj sukcesas la geston de frata repacigo!"

La 25an de julio la tutan kunsidon oni dediĉis al „la instruistoj kaj edukistoj por la Paco."

S-ro Lapierre, Redakcia Sekretario de la Nacia Sindikato de la Francaj Geinstruistoj, rememoriginte pri la libro; „La Franca Publika Lernejo" (eldonita okaze de la kongreso), en kiu li resumis la klopodojn de la francaj instruistoj por la Paco, zorge distingis la principojn. kiuj devas inspiri ĉian edukadon por la Paco.

Ĉu antaŭ la tuta publika opinio, ĉu per la objektiva instruado de la historio, de la geografio kaj de la literaturo de ĉiuj landoj, aŭ per la instruado de la ideo de justeco, de respekto al la moroj kaj kutimoj de la aliaj landoj, la instruisto povas kaj devas doni al la infanoj kiel al la plenkreskuloj la ideon, ke la homaro, malgraŭ videblaj malsamaĵoj, estas „unu tuto"?

La lernejo devas esti, laŭ diro de Komenius (Komenskij) laborejo por Humaneco.

S-ro Adams, deligito de la „Board of Edukation" (Anglujo) montris, ke la internacia kooperado povas trafi bonan sukceson per la personaj interrilatoj inter la diverslandaj instruistoj kaj lernantoj.

La anglaj instruistoj rememorigas iliajn lernantojn, precipe la 11an de novembro, pri la neceseco de la Ligo de la Nacioj.

S-ro Patten, delegito de „National Union of Teachers" (Anglujo), klarege substrekis la gravecon de la spirita sintenado de la popoloj, unuj vidalvide al la aliaj. Li montris, kiel, en Anglujo, la aŭtoritatuloj kaj la instruistoj penas krei spiritan sintenadon favore al la Paco.

Fine, mi citas frazon elĉerpitan el la parolado de S-ro Bougle, Direktoro de la Supera Normala Lernejo (Francujo):

—„Se ni volas elradikigi la militan spiriton el la junaj generacioj, unu el la rimedoj je nia dispono estas enpenetrigi en la koron kaj en la spiriton de tiuj junaj generacioj la senton de la internacia solidareco."

Tradukis G. CHATELAIN.
(el la franca ĵurnalo L' Oeuvre).

---

Albín Neuzil :

# Raporto pri la T. A. G. E.

fakaj kunvenoj dum la kongreso.

Dum la kongreso okazis du fakaj kunvenoj de T.A.G.E., marde la 10an de aŭg. je la 10a h. kaj vendrede la 13an je la 12ah.

Antaŭ la la kunveno mi preparis kun Sro. Dro. Antoni Czubrinski kaj kol. B. Gluchowski la programon :

1. Listo de ĉeestantoj.
2. Elekto de estraro.
3. Malfermo kaj salutoj. Mi legis la salutleteron de Sro prez. de T. A. G. E. prof. Bj. Beckman.
4. Averto kaj proklamo: Ni restu neŭtralaj en la disputoj inter U. E. A. kaj I. E. L.
5. Prelego de Sro Dro Antoni Czubrinski: Interŝtata Esperanto-akordo.
6. Prelego de Sro prof. Sygnarski el Bydgoŝc; Spertoj pri esp. instruado en tiea gimnazio.
7. Metodaj helpiloj por la instruado de kantado kaj muziko kaj geografio kun la demonstracio Sro kol. Józef Migacz.
8. Enkonduko de Esp. en la lernejojn.
   Internacia interŝangado de gelernantoj.
   Interlerneja korespondado kaj interŝangado de interesaj laboroj kaj objektoj.
9. Proponoj kaj rezolucioj.

Al 1a. La liston de ĉeestantoj prizorgis kol. Gluchowski. Inter la ĉeestantoj estis reprezentanto de la pola registaro kaj aliaj laŭ la protokolo.

Al 2a. Ambaŭ kunvenojn prezidis mi kun Sro Dro Czubrinski kaj protokolinto Sro Gluchowski.

Al 5a. Gravan intereson vekis la prelego de Sro Dro A. Czubrinski. Inter alie oni konstatis, ke la fremdlingva instruado nuntempa estas nesufiĉa. La rezultoj de tiu ĉi instruado estas tiom bagatelaj koncerne la elspezoj por tiu ĉi instruado kaj la granda energio dediĉita al tiu ĉi instruado de la instruistoj, profesoroj kaj speciale de la gelernantoj. La parolpovo en fremda lingvo estas post 4 respective post 8 jara studado minimuma. En esperanto oni povas atingi pli multon per ludo, por malmultaj elspezoj kaj por malpli da energio.

Multaj geinfanoj speciale tiuj, kiuj apartenas al malriĉaj klasoj, foriras de la elementa aŭ 2a grada lernejo nesciante eĉ unu fremdan lingvon. Estus juste, ke ankau la malriĉaj gelernantoj lernu almenaŭ unu fremdan lingvon perfekte. Plej bone taŭgas Esperanto.

Oni multe diskutis pri la metodoj de la laboro por efektivigi la interŝtatan Esperanto-akordon. Estis diversaj opinioj kaj proponoj. Plej bone estus provi ĉiujn vojojn.

Varbi inter laboristoj, instruistoj, kuracistoj, komercistoj, scienculoj, sportistoj, turistoj k.t.p. Gajni ilian konsenton simile kiel faris niaj anglaj geamikoj. Ataki poste la deputitojn, parlamentanojn, senatanojn, ministeriojn kaj montri al ĉiuj dokumentojn. Plej grave estas gajni la lernejojn per pedagogoj.

Kiu devas komenci? Landaj centroj Esp. Internacia centro, (malutilas nuna internacia stato U. E. A. kaj I. E. L.-ni bezonas unuecon por tiu ĉi grava laboro). Ankaŭ T. A. G. E. devus kunlabori kaj skizi la vojon de la laboro.

Mi raportis, ke en nia lando oni nun praktikas strangan kompletigadon de la lerneja fremdlingva instruado.

1. oni sendas dum la libertempo geinfanojn al fremdlingva familio interŝange aŭ por speciala pago.

2. oni aranĝas specialajn dumferiajn fremdlingvajn kursojn en kelkaj regionoj.

Nun estas demando, ĉu estas bone prirabi la gelernantojn pri la libertempa libereco kaj altrudi al ĝi novan laboron eĉ dum la libertempo?

Kaj alia demando. Nuna vivo estas sufiĉe multekosta. Elspezoj de la gepatroj dum la lerneja jaro estas tre grandaj kaj nun ili devas pagi sufiĉe multan monon por ĉi tiuj kursoj libertempaj.

Mia filino partoprenis similan kurson por studi la germanan lingvon. Tiu kurso kostis al mi proksimume Kĉ 600. por 2 semanoj.

Mi neniel kontraŭparolas la perfektigadon en fremda lingvo en la koncerna fremda medio, sed se la fremdlingva instruado havas mankojn, oni ne povas postuli, ke la gepatroj regule proprahelpe alportu ĉiam pli grandajn oferojn.

Enkonduko de Esp. en la lernejojn estus granda helpo al la homaro kaj samtempe granda ŝparo de mono kaj de energio.

Al 6a. Sro prof. Sygnarski en sia bonega parolado montris al ni la rezultojn de sia meritplena poresp. laboro. Per la statistikaj datoj li dokumentis valoron de esp. instruado.

Al 7a. Sro kol. J. Migacz montris al ni tre interesajn helpilojn, kiujn li mem produktis. Lia tre simpla kaj bonega metronomo de Melzel povas multe utili al kolegoj, kiuj instruas kantadon kaj muzikon.

Liaj bonegaj helpiloj por instrui geografion meritas pli grandan atenton ol kian oni povas dediĉi al tiel bonaj helpiloj dum la kongresa laborkunveno.

Mi rekomendas al kol. Migacz, ke li priskribu siajn inventojn en I. P. R.

8. Pri la internacia interkorespondado kaj interŝangado parolis tre interese kol. Malmgren en laborkunsido kongresa, poste hungara redaktorino kaj mi mem. Mi ellaboris detalan kaj interesan programon por tiu ĉi fako.

9. Proponoj kaj rezolucioj akceptitaj laŭ la protokolo de sro Gluchowski.

Kion ni devas fari por efektivigi ĉion?

1. Instigi la kongresestraron, ke ĝi sin turnu al la registaroj kaj petu la opinion de ili.
2. Instigi la landajn centrojn, ke ili eklaboru por Interŝtata Esp. interkonsento.
3. Instigi la internaciajn centrojn UEA kaj IEL por ke ankaŭ ili faru sian eblon.
4. Ĉiu aktiva esperantisto kaj speciale Esp. instruisto komencu instrui esop. laŭ sialanda ebleco.
5. TAGE klopodu prilabori la programon. memstare aŭ en interkonsento kun landaj kaj internaciaj centroj. [1])

[1]) Vidu la sekvantan artikolon). (Red.)

---

# Propagando pri „Esperanto en la Lernejon" en Nederlando.

Ĉi sube ni raportos pri io nova en Nederlando. La 2an de Oktobro 1937 oni fondis tie oficejon, speciale por la propagando: „Esperanto en la Lernejon?

En la fondo partoprenis 4 landaj esp.-organizoj:

Federacio de Laboristaj Esperantistoj
Nederlanda katolika Esperanto-ligo.
Nederlanda kristana Esperanto-ligo
Neŭtrala organizo: „La Estonto Estas Nia", kaj T.A.G.E.

La estraro de la oficejo konsistas el po unu reprezentanto por ĉiu kunlaboranta organizo, plus unu direktoro, nomata de la oficeja estraro.

La direktoro faras la administrajn laborojn. Ĉiu aliĝinta organizo kontribuas al la oficeja kaso po unu cendon por ĉiu ano, laŭ la nombro de anoj dum la unua de januaro de la kuranta jaro.

En la estraro, T.A.G.E estas reprezentata de k-o Korte.

La sekretariejo de la nova oficejo estas: Valeriusstraat, 109II. Amsterdam (Z).

La oficejo petas: „ke el la tuta mondo *oni sendu al ni la materialon,* el kiuj ni forĝu la necesajn armilojn por nia batalo. (Esperanto-gazetojn, broŝurojn, pri-esperantajn artikolojn tradukitajn, ĝeneralajn, laŭ propaganda vidpunkto gravajn komunikojn, jarlibrojn; oni signu la koncernajn partojn). — ke en aliaj landoj *oni sekvu la nederlandan ekzemplon,* ĉar nur per celkonscia kunlaboro kaj riciproka subteno ni iam atingos la celon".

La laborkomitato de T.A.G.E. forte substrekas la lastan alineon. Ĝi plue raportos pri la laboroj kaj la spertoj de la komitato, por ke en aliaj landoj la T.A.G.E. sekcioj povu instigi al starigo de sama instituto, kiel en Nederlando.

La prezidanto de la oficejo, k-o. P. W. Baas, alvokas jene:

Gesamideanoj,

Jam vi aŭdis kaj legis pri la starigo de la nederlanda oficejo *„Esperanto ĉe la Instruado".* Kaj ni zorgos, ke ankoraŭ multe vi legos kaj aŭdos pri nia nova instituto kaj ĝia laboro. De kelkaj flankoj jam atingis nin simpati-esprimoj kaj bondeziroj por nia sukceso. Sed, karaj geamikoj, bonvolu bone kompreni, ke la sukceso de nia penado tiom dependos de vi, kiom de ni. Plejparte eĉ de via konstanta subteno de niaj klopodoj.

Duonan jarcenton ni nun propagandas, jardekojn ni pli-malpli emfaze postuladas la enkondukon de Esperanto ĉe la instruado. Kvazaŭ instinktive ni komprenis, ke, atinginte tiun celon, ni povus krii venkon. Sed, ho ve, ĝis nun ni restis vokantaj en la dezerto! La malfortaj voĉoj unuopaj perdiĝis en la senfinan spacon, De nun ni alvokos la surdulojn per laŭtvokilo, tiel devigante la mondon aŭskulti nin. Ankaŭ nun ni ne alvenos unu-du-tri al la fino, nur paŝon post paŝo ni atingos la celon. Multo, multego estas ankoraŭ farota. Tamen. se ĝis nun evidentaj rezultatoj ne estis montreblaj, ne ĉiuj semoj perdiĝis, kaj la kampoj prilaboriĝos. Ni daŭrigu, kuraĝe kaj... precipe sisteme. Centran punkton, de el kiu ni gvidos la batalon, ni nun havas. Grandigi, fortigi tiun centron, jen nia, via unua tasko.

Ni eklaboris. Ni petis diversajn geinstruistajn sindikatojn aliĝi al nia oficejo kaj kunlabori kun ni, por ke ni kune atingu la komunan celon, Jam antaŭ pluraj jaroj kelke da nederlandaj geinstruistaj ligoj formulis sian favoran opinion rilate al Esperanto. En 1932 diversaj profesiulaj asocioj instruaj adheris al la petskribo pri enkonduko de Esperanto kiel nedeviga fako. Nun ni petas de tiuj samaj organizaĵoj pli ol pervortan simpation, nun ni petas pri subteno, ne nur morala, sed ankaŭ materia. Ni bezonas iliajn monon, tempon kaj laborfortojn.

Skribe kaj buŝe ni jam interrilatis kun kelkaj el tiuj organizaĵoj, klopodante konvinki ilin pri la taŭgeco de nia vidpunkto. Tiu estas, ke la enkonduko de Esperanto en la lernejojn sammulte, se ne pli, koncernas la profesiajn instruistojn ol nin esperantistojn. Temas ankaŭ pri la grava demando, ĉu estonte nefakuloj transprenu parton de la instruista, eduka laboro.

Ni ne antaŭvidas, ke ĉiuj petataj organizaĵoj tuj jese respondos nian inviton. Tamen pli facile ili tion faros, kiam ili rimarkos. ke ekzistas interesiĝo pri la temo en propra rondo. Jen do tasko por niaj membroj-geinstruistoj. Ili montru, ke ili ne estas indiferentaj pri la decido de sia faka organizo pri ĉi tiu afero. Ne estas nia tasko, montri al ili la irota(j)n vojo(j)n. Tamen oni permesu al ni, atentigi pri kelkaj el ili. Ekzemple oni povas sin informi ĉe loka aŭ ĉef-estraro, ĉu la celita aliĝpeto ankaŭ estis sendata al la organizo kaj aldoni, ke oni ŝatas esti informata pri la decido. Oni povas sin turni al tiuj estraroj kun la demando, kia estas la starpunkto de la organizo rilate Esperanton, kion ili intencas fari por efektivigi jam plurjarojn ekzistantajn programpunktojn. Ekzistas internaciaj geinstruistaj korporacioj kaj iliaj organoj. Oni postulu la aplikon de Esperanto en tiuj revuoj, inter kiuj estas, kiuj nun aperas en tri lingvoj. En internaciaj, edukaj konferencoj kaj estrarkunvenoj oni uzu Esperanto. En propra rondo parolu kaj paroligu pri Esperanto.

Se vi ne sukcesos unuan fojon, tio ne gravas. Duan. trian fojon martelu sur la saman amboson. Kaj . . . ne forgesu, informi nin pri viaj sukcesoj kaj malsukcesoj.

Per sistema kuna agado ni venkos.

Karaj gekolegoj diverslandaj: kiu lando sekvos baldaŭ la nederlandan ekzemplon. Se vi bezonos pluajn informojn aŭ helpon b.v. skribi al la administracio de via organizo T.A.G.E.

(La Laborkomitato).

---

# La instruada afero de la finn-ugraj popoloj.

DAŬRIGO.

## 2. Estonio.

### 1. Historio.

Ni devas paroli pri la epoko de la fremda regado. En la historia evoluo de la instruado la finnoj estis en pli bona situacio ol la estonoj. Eĉ dum la sveda kaj rusa regado la finnoj posedis certan sinregadon, kaj enpolitike la ŝtataj organizoj ebligis al la finnoj la nacian evoluon.

Kontraŭe Estonio estis ĉiam subordinata provinco kaj la estona terkulturistaro posedis nenian politikan rajton, eĉ province ĝi estis dividita en du gubernioj Estlando kaj Livlando. Laŭ ĉi tiu historigeografia determino la evoluo de la kultura vivo ekkomencis ĉirkau du provincaj centroj: Tallinn kaj Tartu. La estonoj devis batali ne nur kontraŭ la rusoj, sed ankaŭ kontraŭ la baltaj germanoj, kiuj posedis la lokan sinregadon. La lernejpolitiko de la rusoj kaj germanoj nature ne koincidis kun la edukaj ideoj de la estonoj. La specialan estonan kulturon oni akiris nur kontraŭ la posedantoj de la oficiala povo.

La unua kultura eduka evoluo komenciĝis post la sveda regnado okazinta en 1629. Gustavo Adolfo kaj siaj posteuloj postulis de la ekleziaj magistrataroj kaj bienposedantoj, ke ili kunlaboru per fondigo de lernejoj kaj disvastigo de la religia instruado. Ĉi tiuj noblaj klopodoj malsukcesis je la komenco de la XVIII. jarcento, sekve de

la militiro de Pietro la Granda. Ĉiu ŝtate organizita ebleco de la kultura evoluo prokrastiĝis dum la tuta XVIII. jarcento. Nur jarcentfine la prizorgoj de Katarino II. signifas iom da plibonigo. Je la komenco de la XIX. jarcento oni energie ekkomencis la laboron sur teritorio de la popoledukado kaj popolinstruado, kiun helpis la liberigo de la terkulturistaro en la dua jardeko de la jarcento. La spiritan evoluon rapidigis en 1848 la aktiveco de Voldemar Jannsen pri la intereso de la estona lingvo.

Voldemar Janssen estas la patro de la estona popolo kiu el paŝtistknabo fariĝis instruisto kaj ĵurnalisto. Inter 1860-70, post la definitiva kaj plena liberigo de la terkulturistaro, ĉie formiĝas la komunumaj kaj eklezìaj lernejoj. Ankaŭ cirkaŭ 1880 la lingvo de la mezlernejoj kaj de la universitato de Tartu estis ekskluzive germana. Ni trovas la paralelon de la fin-sveda kulturbatalo en Estonio kun la diferenco, ke ĉi tie la germana kulturo batalas kontraŭ estona kulturo. Estas tre interese vidi en Estonio, ke la rusoj nek ekonomie nek kulture ambiciis fiksi la baltan teritorion.

La panslava politiko de Aleksandro III. kaj de lia ĉirkauaĵo denove malhelpis la evoluon de la estona kulturo, unuavice la aferon de la nacia lernejo. En 1880 la rusa lingvo anŝtataŭas la estonan en la popollernejoj. Nur post la 1905 jara, rusa revolucio oni povis fondi privatajn popol — kaj mezlernejojn kun estona lingvo. Post la 1918-jara germana okupado oni plenenergie komencis la ŝtatan instruadan organizon de la sendependa Estonio. La senmezura merito de ĉi tiu agado estis al la jam mortinta Piatro Pôld, protestanta predikisto, pli malfrue mezlerneja kaj universitata profesoro.

Dum la rusa regado kaŭze de la nacia lernejo — la estonoj devis batali kontraŭ multaj malhelpaĵoj, kiam ili volis perfektigi sin en iu fako. Ĉi tiuj malhelpaĵoj en la popol-kaj precipe en la mezlernejo devigis la estonan popolon por instrui sin en institucioj ekster la lernejo. La estroj de la popolo zorgis pri siaj organizoj. Ĉie formiĝis kulturaj societoj, popolbibliotekoj, senpagaj kursoj, dimanĉaj lernejoj, versperkursoj, popolaltlernejoj — laŭ la finna ekzemplo. Ilia funkcio ne ĉesis mem post la batalo por la sendependeco, kiam la antaŭaj rusaj lernejoj naciiĝis. La estona ŝtato estis la unua, kiu zorgis pri kulturaŭtonomio por siaj naciaj minoroj. Estas tre interese mencii, ke la kvar-kvinfoje pli densa rusa loĝantaro ne havas tiel bone ellaboritan lernejorganizon, kiel la proksimume 15-18.000 germana loĝantaro.

## 2. Organizo kaj spirito de la estona ŝtato.

Post la rusa revolucio en 1917 komenciĝis la estona nacia lernejo : Hodiaŭ jam en nacia spirito okazas la instruado de la junularo en la popol- kaj faklernejoj. Sube ni donas ŝtatistikon de la dek unuaj jaroj : (1918—1928) el kiu oni bone povas vidi, kiel serioze laboris la pedagogoj de ĉi tiu malgranda kaj ne-riĉa ŝtato :

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| *a.* | 1408 | popollernejo | kun | 120.836 | lernantoj |
| | 18 | kompletigaj popollernejoj | kun | 429 | lernantoj |
| | 2 | surdmutaj institutoj, | kun | 109 | lernantoj |
| | 4 | sanigpedagogiaj lernejoj | kun | 81 | lernantoj |
| *b.* | 84 | mezlernejoj | kun | 18.488 | lernantoj |
| | 15 | agrikulturaj lernejoj | kun | 431 | lernantoj |
| | 5 | komercaj | „ „ | 99 | „ |
| | 22 | instruaj | „ „ | 2205 | „ |
| | 9 | artaj k. muzikaj lernejoj | „ | 920 | „ |
| | 1 | militista lernejo | „ | 240 | „ |

La sekvontaj ideoj gvidis la organizantojn de la lernejoj de la sendependa estona nacia ŝtato : la lernejo devas esti unueca ; ĉiu popolklaso havas la saman rajton por la akiro de la kulturo ; la lernejo povas nur instrui kaj eduki ; ne povas esti ilo de politika propagando. Laŭ la 12-a §-o de la konstitucio la instruado estas deviga sub punigo de la gepatroj. La popollernejoj estas senpagaj. La malriĉaj infanoj ricevas subtenon. La konstitucio asekuras al la minoroj la instruadon en la gepatra lingvo. La lernejo ne servas plu la eklezion.

La studmaterialo de la estona lernejo estas karakterizata per la praktikeco, la racionalismo. La fakinstruado estas plendevelopita. La estona instruado estas logike bonege bazita. La ekvilibra situacio plifortiĝis post la reformo de 1914.

La estona popollernejo estas unueca. La instruado de la knabinoj koincidas kun tiu de la knaboj. Oni akceptas 7 jaraĝajn geknabojn. La popollernejo estas sesklasa. Tempo de la instruado estas inter 31-35 semajnoj. Deviga instruaĝo daŭras ĝis 14 jaroj. En la estonlingvaj lernejoj oni instruas kiel unuan fremdlingvon la germanan, en la ne-estonlingvaj lernejoj la estonan, sed nur en la kvina kaj sesa klasoj. Dua fremda lingvo estas nekonata en ĉi tiu tipo. Tiuj, kiuj ne iras en mezlernejon devas fini siajn studojn en la sesa klaso, la aliaj estas akceptataj en la mezlernejo jam post la kvara klaso de la popollernejo.

Post la nova pedagogia reformo de 1914 la estona mezlernejo alproksimiĝis al la finna mezlerneja tipo. Ĝi konsistas el du dividoj : suba kaj supra. La suba divido : (keskkool) havas 5 klasojn, la supra havas tri klasojn kaj estas bifurkita en reala kaj humanistika branĉo. Nur post la mezlernejo oni povas iri al la universitato. Ne estas ekzamenoj inter la klasoj, pri la sukcesplena lernado decidas pedagogia komitato, en kiu partoprenas la direktoro kaj la profesoraro kaj la reprezantantoj de la gepatroj. Oni havas ekzamenon inter la du partoj de la mezlernejo. La mezlernejo edukas la venontajn gvidantojn de la nacio kaj estas subordinata al la universitato. La unua fremdlingvo estas la angla, la dua la germana aŭ la franca. La

studplano de la nova gimnazio ekkomenciĝos nur en 1938. Latinan lingvon oni nur dum tri jaroj lernas (15—16 jaraĝaj knaboj).

Depost 1935 oni havas valorplenan pedagogian revuon: Eesti Kool (Estona Lernejo). (*Daŭrigota*).

ANDREO GAŬDER
Molnárstr. 31. Szeged Hungarujo.

---

# Tre estimataj geamikoj - gefratoj!

Ni proponas al vi nian grupan korespondadon kaj interŝanĝadon. Nia grupo konsistas el: 1. gelernantoj de elementa lernejo 9 ĝis 10 jaraj. 2. gestudentoj 11 ĝis 18 jaraj kaj plenkreskuloj, de diversaj profesioj.

Ĉiu grupano posedas sian konstantan Non laŭ la almetita listo. La listo enhavas gravajn datojn por la intencita kunlaboro.

Ni aldonas la liston titolitan Materialo kun konstantaj Noj de diversaj objektoj, ĉiu el niaj membroj kolektos laŭ sia ebleco la plej riĉan materialon. por sia kamarado.

Ni skribos nur sur la normaligita formato t. e. (21 x 30 c.m.). Oni povas bone enpaki kaj uzi por ev. ekspozicio.

Ni laboros serioze kaj honeste kaj postulas samon de niaj geamikoj. Se iu ne povas garantii honestan kunlaboron, tiu eĉ ne komencu. Eble vi komprenas, ke nia reciproka kunlaboro povas multe helpi nian laboron.

La kolektitan materialon ni sendos en unu paketo al unu adreso. Ĉiu korespondanto trovos en nia paketo ion por si laŭ sia merito.

Bonvolu tuj anonci al mi, ĉu nia plano plaĉas alvi kaj ĉu vi volas serioze kunlabori. Ni preparas jam niajn sendaĵojn.

Samideane vin salutas via ĉeĥa amiko:

ALBIL NEUZIL.
Lernejestro.
Olomouc. Nerodin.
Ĉeĥoslovakujo.

Materialo:

| Konstanta No. | Objekto. |
|---|---|
| 1. | letero |
| 2. | vidaĵkarto |
| 3. | fotografaĵo 1 t. e. de 1 persono |
| 4. | fotografaĵo gr. t. e. de grupo |
| 5. | stilaj lecionoj |
| 6. | desegnaĵoj |
| 7. | manlaboraĵoj de knaboj |
| 8. | manlaboraĵoj de knabinoj |

9. poemoj
10. kantoj
11. artikoloj
12. ludoj
13. scenoj
14. anekdotoj
15. enigmoj
16. rebusoj
17. rakontoj
18. poŝtmarkoj
19. modelaj esperanto lecionoj
20. programoj de la esperantaj horetoj aŭ festoj
21. kuirreceptoj de interesaj naciaj manĝaĵoj
22. ludiloj
23. bildoj el diversaj gazetoj kaj prospektoj
24. interesaj bildafiŝoj
25. ilustritaj gazetoj
26. interesaj bildoj de eminentuloj
27. reklamalbumojn faritaj de gesamideanoj
28. instruhelpiloj
29. landkartoj
30. broŝuroj de vojaĝoficejoj
31. semoj de interesaj floroj kaj legomoj
32. specimenoj de diversaj varoj

Ĉiu korespondanto bonvolu tuj kolekti la materialon laŭ la listo, laŭ sia povo. Ĉiun unuopan objekton signu tuj per la konstanta No kaj via plena legebla adreso. La kolektitan de vi materialon metu en grandan koverton kaj preparu tiamaniere ĉion por forsendo.

Al No. 1a. Enhavo de la leteroj : Mi. Mia familio. Mia loĝejo. Mia lernejo aŭ laborejo. Miaj ĉiutagaj laboroj, amuzaĵoj, manĝaĵoj, kutimoj. Nia urbo, regiono, lando, ŝtato, popolo. Interesaj sciigoj pri ĉiutaga nacia vivo.

Al No. 2. Interesajn eĉ uzitajn poŝtkartojn kaj vidaĵkartojn kolektu; la flankon kun la sciigo kaj adreso superglu per pura papero, surskribu mallongan priskribon de la loko, kostumo aŭ nacia kutimo. Sendu kolekton da eble 50 vidaĵkartoj. Ni povas ilin projekcii kaj fari mallongan paroladon. Eble vi komprenas la celon.

Al No. 3. 4. Por la korespondatoj estas certe tre interesa afero vidi almenaŭ bildeton de sia amiko.

Al No. 5. Gelernantoj kaj gestudentoj multon profitos, se ili komparos 6, 7, 8. reciproke siajn pensojn kaj laborojn.

Al No. 9. Verku, traduku kaj kolektu interesajn belajn poemojn.

10. Traduku naciajn kantojn kaj sendu ilin kun melodioj al ni..

11. Traduku por ni la plej belajn artikolojn el viaj legolibroj.

12. Serĉu, traduku kaj sendu al ni viajn plej ŝatatajn lŭdojn.
Al No. 13. Traduku kaj sendu al ni interesajn scenojn kiujn ni povas lerni kaj prezenti dum la esp. horeto aŭ festo.
14. Sendu al ni laŭeble interesajn naciajn anekdotojn.
15. 16. Mi verkis 250 enigmojn kaj rebusojn en esperanto. Vi ricevos interesajn enigmojn kaj rebusoj de ni, serĉu similajn por ni.
17. Ni ŝatas interesajn rakontojn de ĉiu amika nacio. Ni sendos similan materialon el nia lando.
18. Bonvolu kolekti uzitajn poŝtmarkojn speciale por nia junularo. Per ili ni trovos ilian intereson.
19. Mi verkas, kolektas kaj sendas modelajn esperanto lecionojn.
20. Programoj de esperanto horetoj kaj festoj kun programeroj povas multe helpi reciproke.
21. Per bonaj elprovitaj receptoj de diversaj naciaj bongustaĵoj ni povas konvinki niajn kuiristinojn pri la utileco de Esp.
22. Mi tre ŝatas ludilojn preparitajn malmultekoste de la infanoj mem.
23. 26. Temas pri utila materialo, kiun oni povas tre facile gajni kaj kolekti en familioj, ĉe parencojn kaj konatuloj. Tia materialo faras bonan propagandon kaj oni povas ĝin uzi por la instruado.
27. Mi produktas kun miaj gelernantoj luksajn albumojn por propagandi ĉion belan de nia lando kaj popolo. La albumoj estas kolekto de la materialo menciita sub la Noj 1.-32.
28. Niaj instruhelpiloj. Ĉu vi ne komprenas, ke la tuta materialo, kiun mi kolektas kaj postulas apartenas al miaj instruhelpiloj? Pri miaj specialaj instruhelpiloj mi raportos dum nia interkorespondado.
29. Al la punkto pri la landkartoj mi rimarkas, ke temas nur pri malmultekostaj landkartoj de diversaj prospektoj kaj speciale mi tre ŝatas la landkartojn desegnitajn de la korespondantoj mem.
30. Al tiuĉi punkto mi aldonas: Temas pri la broŝuroj eldonitaj de fremdlandaj vojaĝoficejoj. facile riceveblaj. Mi penos aranĝi la aferon tiamaniere, ke mi sendos aŭ broŝuron en esperanto aŭ en la lingvo de koncerna nacio.
31. Niaj gelernantoj laboras sur sia propra laborkampo ĉe nia ĝardeno. Imagu ilian intereson, se ili gajnus iun novan floron aŭ legomon. Ili tuj komprenus, ke ili ne lernas Esp. vane.
32. Bonvolu kompreni, ke temas pri specimenoj facile akireblaj, kiujn oni povus facile sendi. Ekzemple: ŝtofoj, silkoj, toloj specialaj paperoj k. s.

# Poŝtkartservo T.A.G.E.

La unua serio de nia poŝtkartservo estas preta. La mendintoj jam ricevis ilin. Se vi ankoraŭ volas havi ilin, sendu 6 internaciajn respondkuponojn al J. Hogenkamp, 2e Exloërmond, Nederlando kaj tuj ili estos sendataj al vi. De la unua serio restis ankorau 23 serioj. Tiu serio enhavas; 1. Nederlanda Muelilo, 2. Naciaj Kostumoj, 3. La sav-boato, 4. La pacpalaco, 5. Nova ponto ĉe Nimego, 6. La reĝa palaco en Amsterdam, 7. La Katedralo en Utrecht, 8. Haveno en Roterdam, 9. Bovinoj en herbejo, 10. Velŝporto sur la lagoj en Friesland, 11. La granda digo, 12. La kluzoj, apud Wieringen. Ĉiuj kartoj havas dorsflanke priskribon tre interesan por eksterlandanoj. Ĉiuj kartoj estas fotokartoj. Samideanoj, kaptu la okazon plibonigi vian geografian instruadon. Montru ilin al viaj kolegoj!

J. HOGENKAMP,
2e Exloërmond, Nederlando.

---

# ANGLUJO: „Esp. en la lernejo".

Lernejoj kie oni instruas Esperanton, laŭ detaloj ricevitaj antaŭ la someraj ferioj, 1937. Kun kelkaj modifoj faritaj laŭ nuna scio, Nov. 1937.

1. a. Sandgate School, Esher, Surrey-privata lernejo; b. 15 knaboj, 6—10 c. neoficiala; d. Sro S. G. Budgett.

2. a. The Manor House School, Bishopstone, Nr. Seaford, Essex; privata lernejo; b. 9 geknaboj c. oficiala; d. Fino. M. E. Carpenter.

3. a. Tinkers' Farm Senior Girls' School, Northfield, Birmingham-popollernejo; b. 150 knabinoj, 11—14; c. oficiala; d. Fino. N. Sheppard.

4. a. St. Paul's Boys' School, Worcester-popollernejo; b. 30 knaboj, 13—14; c. oficiala; d. Sro. W. Severn.

5. a. St. Andrew's Senior Girls' School, Portslade, Sussex-popollernejo; b. 18 knabinoj, 11—14; c. neoficiala d. Fino. K. Hancock

6. a. Bush Elms Senior School, Romford, Essex-popollernejo; b. 80 geknaboj, 11—13; c. oficiala; d. Sro. L. T. Impey.

7. a. King's Norton Council School, Pershore Road South, Birmingham- popollernejo; b. 80 geknaboj, 12—13; c. oficiala; d. Fino. E. Norman.

8. a. Orange Hill Central Boys' School-popollernejo; b. 60 knaboj 11—14 Abbotts' Road, Edgware, London; c. oficiala; d. Sro R. F. Parker

9. a. Bentley Lane Girls' School, Meanwood, Leeds, 6-popollernejo; b. 116 knabinoj, 12—14; c. oficiala; d. Fino. D. Wilkinson.

10. a. Cavendish Senior School, Eastbourne, Sussex-popollernejo; b. 30 geknaboj, 11—14; c. oficiala; d. Sro. W. G. Wigham.

11. a. Lymington Road Senior Boys' School, Dagenham, Essex-popollernejo; b. 275 knaboj, 11—14; c. oficiala; d. Sro. H. G. Toms.

12. a. South Council School, Ashford, Kent-popollernejo; b. 11 knaboj; c. neoficiala; d. Sro. Batt.

13. a. Heath Park Senior Girls' School-popollernejo; b. 40 knabinoj, Romford, Essex; c. oficiala; d. Fino. Wiles.

14. a. Northcote Girls' School, Leeds, popollernejo; b. 11 knabinoj: c. oficiala.

15. a. Central Girls' School, Chesterfield, popollernejo; b. 120 knabinoj; c. oficiala; d. Fino. I. Astwood.

16. a. Purlwell Senior School, Batley, Yorks, popollernejo; b. 35 geknaboj; c. oficiala; d. Sro. S. Parrington.

17. a. Handsworth New Road Senior Girls' School, Handsworth, Birmingham, popollernejo; b. 100 knabinoj, 11—14; c. oficiala; d. Fino E. Wheatley.

18. a. Day Continuation School, Bournville, Birmingham, daŭriga lernejo; b. 24 knabinoj, 16—17; c. oficiala; d. Fino V. C. Nixon.

19. a. Bryanston School, Blandford, Dorset, moderna publika lernejo; b. 8 knaboj, 14—18; c. neoficiala; d. Sro. F. W. Armitage.

20. a. King James' Grammar School, Bishop Auckland, Co. Durham, altgrada lernejo; b. 70 knaboj, 11—12; c. oficiala.

21. a. Girls' County School, Bishop Auckland, Co. Durham, altgrada lernejo; b. 50 knabinoj, 11—12 kaj 16—17; c. oficiala; d. Fino. A. B. Edwards.

22. a. High School for Boys, Glasgow, Scotland, altgrada lernejo; b. 38 knaboj; c. neoficiala; d. Fino. Downie.

23. a. Friends' School, Saffron Walden, altgrada lernejo; b. 12 knabinoj; c. oficiala; d. Fino. Priestman.

24. a. Royal School for Blind, Newcastle, blindullernejo; b. 10 knabinoj; c. neoficiala.

25. a. Royal Normal College, Upper Norwood, London, blindullernejo; b. 10 knabinoj; c. neoficiala; d. Fino Ball.

---

# T. A. G. E.-Tribuno.



..... Kun intereso mi legis la artikolon „T.A.G.E.-tribuno" (I. P. R. No. 6) kaj mi devas diri, ke mi mem ne povus subteni ian alian organizon, kiu postulus monsubtenon, ĉar vere ni ne havas sufiĉon por subteni kiujn ni jam havas.

Mi notas, ke oni esceptas Anglujon intertempe rilate tian interŝtatan agadon. Tio ja estas bona nun kaj en la estonto, ĉar se ia seninfluhava aŭ eĉ influhava komitato petus definitivan subtenon de nia registaro por Esperanto, povus esti ke enketo rezultus, kaj poste demandoj en Parlamento, kiuj havas kiel rezultaton, oficialan malaprobon pri la nuntempa permesita instruado en lernejoj. Do, estas vere danĝera afero por ni, ĉar ofte la registaro permesas tion kion oni ne speciale atentas, sed se diskutado okazus, tiam tiuj, kiuj suspektas Esperanton, aŭ preferas la anglan lingvon povus fari kontraŭaĵojn ĉiajn. En nia lando nuntempe estas forta agado pri „Esperanto en la lernejoj", aranĝita de nia brita asocio, kaj ne estus bone provi starigi ankoraŭ alian komitaton, (se oni povus trovi anojn por ĝi), kiu nur konkurus kun la supre menciita agado.

Tiuj ĉi estas kompreneble miaj propraj opinioj, laŭ mia scio pri kondiĉoj en nia lando.

V. C. N.—Anglujo.

# Bibliografio.

## Daŭriga kurso post Cseh-kurso



fine aperis. Ĝin kompilis la konata Esp.-pedagogino F-ino Marg. Saxl, kiu dum multaj jaroj instruis laŭ Cseh-metodo kaj gvidis preparajn kursojn por Csehmetodaj geinstruistoj en la internaciaj feriaj kursoj en Helsingor, Danlando.

Oni ordinare spertas, ke la transiro de la amuza Cseh-kurso al la malpli amuza, sed detala lernolibra daŭriga kurso seniluziigas multajn kursanojn, kiuj iom post iom forestos el la daŭriga kurso. Tiun mankon nun forigis f-ino Saxl per sia nova kursmaterialo.

Ĉar ne ekzistas daŭriga Cseh-kurso, sveda kaj dana Esp.-institutoj kaj multaj geamikoj de f-ino Saxl instigis ŝin ellabori kaj eldoni daŭrigan kurson post Cseh-kurso, en sama maniero kiel la materialo de la Cseh-kurso. Nun ĝi aperis. Eldonis ĝin Dana Esp.-Librejo, Thyrasvej 15, Aabyhoj, Danlando. Prezo 7.50 d.kr. plus 10 pCt. kiel afranko.

Ĉiuj, kiuj konas la eminentan talenton kaj pedagogian lertecon de f-ino Saxl, ne dubas pri tio, ke ŝia daŭriga kurso post Cseh-kurso estas bonega, amuza kaj instrua, tiel ke la lernintoj per Cseh-kurso daŭrigas sian studadon same fervore kiel dum la Cseh-metoda kurso.

Ilustritan faldprospekton pri Ĉeĥoslovakio senpage sendas al niaj legantoj: Ĉeĥoslovaka Esperantista informejo Praha XIX Uralské 9.

X-a SOKOL-OLIMPIADO PRAHA 1938, ilustrita faldprospekto pri la festoj de la Ĉeĥoslovaka Gimnasta Asocio SOKOL, okazontaj en julio 1938. 8 pg. 15 x 10 cm. Senpage ricevebla ĉe: Ĉeĥoslovaka Esperantista Informejo Praha XIX Uralské 9.

## H. W. van Loon, Rigardu la Teron.

Tradukis Georgo Saville: Lit. Mondo ĝin eldonis (Budapest) 454 paĝoj.

La traduko estas bona. Mi trovis diversajn, ĝis nun malmulte aŭ ne uzitajn vortojn, ekz. *glacirivero*.

La enhavo estas tre interesa miksaĵo de geografio, historio, ekonomio, k.t.p. Leginda kaj aĉetinda!!



# Sciigoj de la laborkomitato.

1. Al ĉiuj anoj, kiuj ankoraŭ ne pagis: *bonvolu tuj fari tion, Senprokraste!!!*
   Post la unna de januaro 1938 funkcios kiel asocia kasisto: K-o A. van Hage, *Zuidwending, Veendam,* (Nederlando). Poŝtĉekkonto no. 9715.
   Por la jaro 1938 oni do pagu nepre al lia konto, (pere de la landaj agentoj) Atentu do!

2. Al kelkaj agentoj: bv. sendi antaŭ **la 25-a de decembro ĉijare** vian financan raporton laŭ la sendita formularo, kune kun listo de anoj. Post kelkaj semajnoj vi ricevos la novan administran materialon por 1938.

3. Karaj gekolegoj, atentu la peton de k-o Korte pri infandesegnaĵoj. (Vidu 3-a paĝo de kovrilo No. 6. I.P.R.) Vi ankoraŭ povos sendi materialon ĝis 1-a de februaro 1938.

4. Ni atentigas vin pri la poŝtkartservo de k-o. Hogenkamp. (I.P.R. No. 5 kaj la nuna).